# Esperanto Hamburg



Bulteno de Esperanto Hamburg e.V.

Novembro / Decembro (5) 2014 / Januaro 2015

*Jö*: Dolĉa en Hamburg
Svisaj makaronoj en Ottensen

Foto: Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e. V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

en la lasta tempo ŝajnis, ke la tuta mondo freneziĝis. En multaj landoj okazas militoj aŭ regas despotoj.
Islamistoj en diversaj mondopartoj malsekurigas la vivon de homoj kun alia religio aŭ alia politika opinio, misuzante la religion por politikaj celoj.
En Sirio okazas duobla milito, unue kontraŭ la reĝimo de la ŝtata prezidanto *Baŝar al-Asad*, due kontraŭ agresantaj radikalaj islamistoj, kiuj senhezite murdas en la nomo de *Alaho*.
Tamen ankoraŭ ekzistas la espero, ke ne la tuta homaro stultiĝis:
En unu sama tago, kaj en *Moskvo* kaj en *Novjorko* okazis grandaj demonstracioj kontraŭ la politikoj de la diversaj registaroj:
La 21an de Septembro 2014 miloj da Rusoj protestis kontraŭ la milito en Ukrainio, kun slogano „ni bedaŭras“ sur ukrainaj flagoj.
En Usono 300.000 homoj postulis pli bonan protekton de la klimato. Tie unu slogano estis: „Rusa gaso ne estas malbona, ĉar *Putin* estas malbona“.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de
**Esperanto Hamburg**
okazas en la
*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**



## Sentenco

**Fantazio estas pli grava ol scio, ĉar scio estas limigita.**

Einstein

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2015: 15-01-15**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2015: 15-03-15**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2015: 15-05-15**

**Jö estas svisgermana vorto kaj signifas dolĉa.**
Neniam antaŭe mi manĝis tian fajnan delikatan frandaĵon. La makaronetoj de ***Jö*** estas tiom delikataj, ke oni ne tro akre rigardu ilin, por ke ili ne rompiĝu. Kompare, tio, kion oni kutime ofertas kiel makaronoj en vendejoj en Hamburg, ekzemple ĉe *EDEKA*, estas nur duoblaj, ne finbakitaj keksoj kun ia ŝmiraĵo enmeze. Mia fratino, kiu ofte estas en svislando rakontis, ke tie ekzistas makaronetoj, nomataj *Luxemburgerli*, kiuj estas neimageble ravaj. Mi ne povis kompreni tion, ĝis kiam mi provis ***Jö***-makaronon en *Große Brunnenstraße 115* en *Hamburg-Ottensen*. Fakte, rava dolĉaĵo!
Sed tiu gusto havas kialon: En la produktado nur estas uzataj naturaj ingrediencoj, do neniaj kemiaj aromoj aŭ koloroj. Krome la makaronetoj estas mane faritaj, do vere konditoraj kreaĵoj. Ili estas faritaj el bio-ovoj, bonaj amandoj, freŝaj fruktoj kaj ekscelenta svisa ĉokolado.



**La vendejo** Foto: Klehr

Pro tio la prezo de po € 1,20 estas akceptebla, konsiderante same altan prezon por industrie produktitaj makaronoj kiuj enhavas konservaĵojn, kemiajn aromojn kaj kolorojn. Sibylle, Oli kaj Frank gvidas la entreprenon; du fratoj el Zuriko kaj la hamburga partnerino de unu el ili. Ili volas labori sen domaĝi al la medio: Do ili bakas per ekologie produktita kurento kaj pakas la varon en reciklitaj kartonoj.




**Sibylle kaj Oli** Fotoj: Marlén Mieth




Ekzistas makaronetoj kun citrono, frambo, vanilo, karamelo, ĉokolado, pistako, avela nugato kaj kiel monata specialaĵo en ← Septembro: Renklodo.



[www.joe-makroenchen.de](http://www.joe-makroenchen.de)

*Benno Klehr*

## Kien iros la biblioteko?

Dum longa tempo nia klubo nun posedas grandan kaj legindan bibliotekon. Ĝi troviĝis en la malnova klubejo, ege proksime al la pasinta kluba vivo. Tamen, ĝi nur estis malofte vizitita en la tiama tempo. Post la klubo translokiĝis al la nuna klubejo, la kulturbutiko, la biblioteko restis en la kelo de la eksa klubdomo.
Por plibonigi la legeblecon de la legindaj libroj, la klubo nun rekomencis registri la titolojn. Ekhavi ĝustan katalogon estas la celo de la klubo. Pere de ĝi la klubanoj povus mendi librojn por hejme legi kaj redoni. Por realigi tian ideon Kerstin laboras en la nomo de la estraro kaj dum kelkaj klubvesperoj jam okazis bibliotekaj vesperoj kiam ĉiuj helpis renovigi la katalogon.
Krome trihoma laborgrupo estiĝis kiu havas la finan celon fari el papera biblioteko digitalan kiu estos legebla komputile. Ili jam kolektis kelkajn bonajn ideojn realigi tiun celon sed aŭ financaj aŭ leĝaj aŭ labortempaj kialoj momente kontraŭstaras kiel ne-solvitaj problemoj.
Do, la papero ne fuĝos el la hamburga biblioteko en la proksima estonteco. Tial la biblioteko krome kostos pli ol mil Eŭrojn jare al la klubo. Estus domaĝe do, se neniu uzus la bibliotekon…
Vi jam povas mendi librojn el la ankoraŭ ne fina katalogo ĉe la HES retejo. Se vi volas legi libron simple skribu retmesaĝon al biblioteko@esperanto-hamburg.de

*Dominik Grauert*

## Zamenhoffesto de Esperanto Hamburg

**20a de Decembro 2014**

**Komenco: 18:00 h**

**Prezo: € 12,–**

Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe Ralph Glomp



**Malgranda mondo** Foto de J. Wulff prilaborita de D. Grauert

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St.Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Novembro

**6** *Leksikaj Ekskursoj:* **Tempodivido**
(lernado kaj gramatiko)

**13** **Esperanto**
*SAT*-Filmo de *Dominique Gautier*

**20** *Mariko Aoshima:*
**Japanaj humoraj ne-senutilaj inventaĵoj**

**26** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**27** **Kuirado kaj receptoj**
*Lernmaterialo kreita de Anna Löwenstein*

## Decembro

**4** *Jürgen Wulff kaj Ralph Glomp:*
**Las Palmas de Gran Canaria**
Insula Metropolo

**11** *Ralph Glomp*:
**Lille – La UK-urbo 2015**
Ni kune legas informojn pri la franca urbo.

**18** **Ne okazas klubvespero**
pro Sabata festo

**20** Sabato 18.00 h
**Zamenhoffesto de Esperanto Hamburg**

## Januaro

**8** *Hannelore Brunow:*
**Münchhausen** (Komuna legado)

**15** *Gerald Roemer:*
**Proverboj**

**22** *Sonregistritaj fabeloj de la fratoj Grimm:*
**Fabelo pri iu, kiu migris por ekkoni timon** kaj **Fidela Johano**

**28** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**29** *Klaus Friese:* **Ni kune kantas**

## Februaro

**5** *Volker Kraeft kaj Dominik Grauert:*
**La nova komputila kaoso**

# Hamburg-Enigmo


Foto: Klehr

Kie en la urbo troviĝas tiu ĉi altreliefo de porkoj?

# Kio estas Valdorfa lernejo?

En septembro 1919 la direktoro de la cigareda fabriko *Waldorf-Astoria* en Stuttgart petis la pedagogon *Rudolf Steiner*, starigi lernejon por la infanoj de la fabrikaj laboristoj laŭ modernaj pedagogiaj konceptoj. La nomo de la fabriko fariĝis la nomo por la pedagogiaj metodoj de *Steiner*. Li celis difini la edukan praktikon ne surbaze de sociaj normoj kaj necesoj, sed senpere el la bezonoj de la infana evoluo. Lia postulita tri-parta divido de la homo en korpon, menson kaj animon kaj la tri-parta divido de la animo en pensadon, sentadon kaj voladon en la praktika infana eduko sekvas la samrajtan edukon de kapo, koro kaj mano.

# Valdorfa lernejo en Hamburg-Wilhelmsburg

La 14an de Septembro 2014 en la baza lernejo en Fährstraße la unuaj infanoj komencis en la unua klaso de sia edukado en nova projekto por ŝtata lernejo laŭ valdorfaj principoj. Tamen ĝi restas ŝtata lernejo kun ŝtate ekzamenitaj instruistoj. La kvartalo estis elektita, ĉar la infanoj tie je 80% havas enmigintan devenon. La unuaj du lecionoj ĉiutage okazas kun unu instruisto, do la infanoj havas konfidan personon. Okazas speciale organizita ritme muzika laboro en la germana lingvo kaj krome lecionoj en gepatra lingvo de la infanoj, plej ofte la turka. Estetiko ludas gravan rolon celante la estimon de spaco kaj materialoj. Kognicio, sensoj, emocioj kaj ankaŭ la naturo apartenas al la instrukoncepto. Per klaraj strukturoj la infanoj ricevu pozitivan rilaton kaj konfidon al la lernejo.





Foto de 1900

# Ekspozicio Du und Deine Welt 2014

Dum la Tierschutztag (tago de besto-protektado) HES havis standon ĉe *Du und Deine Welt* (vi kaj via mondo), kiu estas granda jara butikuma ekspozicio en Hamburgo.



**Dominik kaj Eleni**

*Felix Zesch* de Berlino aranĝis tion por Esperanto Hamburg en la nomo de la Weltbund Esperantosprechender Vegetarier.
Li sendis al ni faldfolion de la vegetara Esperanto-societo kaj Esperantoflagon.
*Alvaro* kaj *Dominik* iris al la stando kaj respondis al la demandoj de homoj kiuj interesiĝis pri Esperanto.

Estis multaj homoj kaj tiu tago estis granda sukceso por ekkonigi Esperanton al la homaro.
*Hannes Jaenicke*, fama germana aktoro kaj aktivisto por bestaj rajtoj vizitis nian budon.



**Dominik kaj Hannes Jaenicke**

Eĉ tuthazarde Elena el Rusio, kiu vivas nun pli ol unu jaron en Hamburgo kaj estas Esperantistino, venis al nia stando. Ni bonvenigis ŝin elkore ĉar ni unue renkontiĝis en *Nitra*/Slovakio dum la SES, kaj ni invitis ŝin veni al la ĵaŭda klubvespero.

*Teksto kaj fotoj: Dominik Grauert*

# Ne devas kaŝi sin *Kaŝi*

Dum SES (Somera Esperanto-Studado) en Juliuo 2014 en Nitra (Slovakio), kantisto el Hamburg jam la duan fojon estis tre sukcesa. *Carsten Schnathorst*, nomata Kaŝi, mem verkas melodiojn kaj tekstojn en Esperanto, ludas pianon kaj kantas.

Kaŝi (veranome Carsten Schnathorst) estas germana muzikisto kaj esperantisto. Li venas de Osnabrück kaj loĝas en Hamburgo. Tie li ludas ĉe la bando The living Music Box. Carsten kantas kaj ludas pianon. Lia kantaro enhavas proprajn kantojn kaj bone konatajn el la tuta mondo.

Dum SES li mojosigis** la korojn de la publiko per sia mikso de propraj esperantaj kantoj, internacia furora muziko kaj aliaj konataj Esperanto-kanzonoj kaj pere de sia markanta voĉo.


Foto: Chantal Weber

(Laŭ raporto en retpaĝaro de SES, kie same kiel en filmo pri la SES ne estas menciita, ke li estas blinda.)

(Rim. de red. mojoso = **M**oderna **J**unulara **S**tilo)

# Annika Förster en Hamburg

Dum la klubvespero, la 11an de Septembro 2014, vizitis nin la prezidantino de Germana Esperanto-Junularo (GEJ). Ni eksciis pri la laboro de GEJ kaj kiajn planojn la estraro havas. Ŝi estas tre ĉarma kaj impresis min per sia scio pri la Esperanto-movado kaj montris sin tre kompetenta.
Ni ĝojis aŭdi, ke ŝi ekstudos en Kijlo en aŭtuno, ĉar tiam ŝi espereble estonte venos pli ofte al Hamburg.

*Hannelore Brunow*


Foto: Wulff

# Heinz Sprick en Hamburg

La ĉeforganizanto de la venonta Germana Esperanto-Kongreso, de la 22a ĝis la 25a de Majo 2015 en *Hameln* vizitis Hamburgon, kaj niaj membroj havis la eblecon, paroli kun li dum renkontiĝo en gastejo, la 20an de Oktobro.


Foto: Facebook

# Solvo de Hamburg-Enigmo


Foto: B. Klehr

La reliefo de la porkoj troviĝas sur la fasado de Klöpperhaus en Mönckebergstraße.
La lanokomercisto *Klöpper* konstruigis la kontordomon laŭ planoj de *Fritz Höger* en 1913. Pro tio la skulptaĵoj de ŝafoj de skulptisto *August Gaul* troviĝas apud la enirejo. Kial la fasadon ankaŭ ornamas elefantoj kaj porkoj, ne estas konate.
Interne la grandvendejo *Kaufhof* funkcias sur pluraj etaĝoj. La originaj planoj, malkonstrui kaj novkonstrui, malsukcesis en 1967 pro protestoj de la publiko.


**Ŝafoj** Foto: Staro1/Wikimedia

# Esperanto kaj biciklo

**Pri la granda bicikla demonstracio „Critical Mass" jam aperis artikolo en nia bulteno n-ro 3/2014.**
Pere de Pasporta Servo nia hamburga klubmembro *Alvaro* akceptis gaston *Jean* el Parizo, kiam hazarde okazis la monata biciklado, la 26an de Septembro.
Tiel *Jean, Alvaro, Volker* kaj *Dominik* partoprenis la bicikladon kiel esperanta sekcio.
Ĝi komencis je la 19:30 ĉe *Fischmarkt* (fiŝ-foirejo) kaj faris cirklon, ĝis ĉiuj denove preterpasis *Fischmarkt* post du horoj kaj 25 kilometroj.
*Jean* estas sperta biciklisto kaj ofte biciklas semajnfine en Francio. Krome la rapideco dum la *Critical Mass* ne estas alta, do neniu de nia esperanta teamo havis problemojn kun la duhora biciklado.
Proksime de la fino ni kvar forlasis la *CM* ĉe *Landungsbrücken* kaj solaj biciklis al la portugala kvartalo kie ni finis la vesperon per germana biero en portugala restoracio kaj kune manĝis tradician rizan supon.


**Volker, Dominik, Alvaro, Jean** Foto: D.G.

*Dominik Grauert*

## Mortis la unua Esperantlingva spamisto

Andrzej Grzębowski (71 j.) mortis post UK en *Buenos Aires* la 4-an de augusto 2014. Li estis la prezidanto de internacia asocio *Monda Turismo*, por kiu li regule sendis retleterajn varbaĵojn tra la mondo.
Nun *andreo@rubikon.net.pl* perdis la signifon. Supozeble liaj kunlaborantoj daŭrigos lian entreprenon kiel vojaĝagentejo en *Bydgoszcz*.



Foto: privata

## Taşköprü-strato en Hamburg

En la pasinta eldono mi raportis pri strato, kiu ricevis la nomon de viktimo de naziaj teroristoj en *Hamburg*.
La skandalo pri la naziaj teroristoj ĝis hodiaŭ ne estas plene evidentigita. Kelkaj germanoj suspektas grandajn ekstreme dekstrajn influojn en la strukturoj de la sekurigaj fortoj, polico kaj sekreta servo. Tiuj tute ne konsideris ksenofobiajn motivojn, sed preferis serĉi la krimulojn inter la viktimoj kaj aliaj enmigrintoj.
La germanoj ĝenerale devas pli konsciiĝi pri la latenta rasismo en la socio.

Benno Klehr



**Rosmara patrino kun ido en Kamogava, Japanio**

Foto: Max Smith/Wikimedia

## Naskiĝis rosmaro en Hamburg

La unuan fojon en germana zoo, en Junio 2014 naskiĝis rosmaro en la bestoparko de *Hagenbeck*. La unuaj tagoj estis malfacilaj, sed post kelka tempo la ido finfine plifortiĝis kaj kreskis. Nun, post kvar monatoj, la eta masklo jam pezas 100 kg kaj ricevis la nomon ***Toro***, laŭ la ĝermana dio de tondro. Plenkreskita rosmaro povas pezi pli ol unu tunon. Ek de Julio 2012 en la bestoparko *Hagenbeck* en Hamburg vivas la patrino *Neseyka* kune kun tria aliaj femaloj kaj masklo kun la nomo *Odin,* laŭ la supera ĝermana dio.

## Nova hotelo en City-Süd

En Högerdamm 28, proksime al la legoma grocistejo, en Junio 2014 estis malfermita prizeotel Hamburg-City. La 216 ĉambroj havas modernan fasonadon de *Karim Rashid*. Ĉiu ĉambro havas liton de 1,80m x 2,00m, 80-centimetran televidon, senpagan interreton, plankan hejtadon en la banĉambro kaj pluvo-imitan duŝejon.En la tuta hotelo fumado ne estas permesita. Ĉambroj kostas ek de € 59,- por unu nokto, do ne vere malalta prezo, kiun supozigas la nomo prizeotel.




***prizeotel* Hamburg-City**

Foto: Klehr

## Mondkonata Eppendorf

En 1945 estis fondita riparejo por medicinaj aparatoj de *Heinrich Netheler* kaj *Hans Hinz* sur la tereno de la universtiata malsanulejo en *Hamburg-Eppendorf.* Sed ili ne nur riparis aparatojn, ili ankaŭ evoluis novajn aparatojn: La unuajn sonografiilon kaj elektran termometron. La entrepreno Eppendorf AG en 1962 inventis mikrotubon, etan, cilindroforman plastan ujon kun konusa fundo. Oni uzas ĝin en la molekulara biologio kaj biokemio por rezervi kaj centrifugi etajn kvantojn da likvaĵoj. La nomo de la entrepreno transiris al la produkto: Eppendorf-tubeto aŭ simple eppendorf. Germane oni diras mallonge Eppi, nederlande epje kaj en la pola eppendorfka, eĉ se la tubeto estas produktita de alia entrepreno.

Sur la foto oni vidas kvar mikrotubojn de 2 ml, 1,5 ml, 0,5 ml, 0,2 ml.



Foto: Magnus Manske/Wikimedia